Graz, Aŭstrio, Januaro 1923

# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) kaj de „Blanka Kruco" (Internacia misio katolika)




Numero 7, 1922/23 — II. Kolekto 1922/23

## Super ĉio la amo!

Nur la amo montras la kristanismon efektivan, la granda amo al Dio, kaj tiu amo nur estas pruvata per la amo al la proksimulo, per la vera kristana karito. La proksimulo ja anstataŭas Dion mem laŭ la vortoj de Jesu Kristo: „Kion ajn vi faras bonon al unu el la plej malaltaj de miaj fratoj, al mi vi estas farintaj". Tial vera kristanismo kaj sekve katolika eklezio sen karita spirito kaj karita agado kaj farado ne estas imaginebla. Do radikala batalo kontraŭ ĉiu kaj ĉia egoismo estas la esenca tasko de la katolika eklezio, kaj tiurilate ĝi komencu ĉe si mem, t. e. ĉe siaj propraj membroj! Troviĝas sufiĉe da mono inter la katolikaro, sed la tiel nomitaj bonstataj kaj riĉaj rondoj ofte ne vivas kaj agadas laŭ tiu spirito kaj ne tiom donas al karitaj celoj, kiom ili povas. Krome la karita helpado kaj subteno de l' proksimulo ne devas sin limigi je samkredanoj, sed devas agi por ĉiuj homoj sendiference, devas esti grandanima laŭ la bela vorto: caritas Christi urget me: la karito de Kristo urĝigas min.

Ligita kun la karita tasko de l'eklezio estas la socia. Ĉiu devas konfesi: Katoliko devas esti socia en la plej alta kaj vera senco. Bedaŭrinde ne estas tiel. Kie kaj kiom da katolikoj troviĝas, kiuj agas laŭ la granda encikliko „Rerum novarum" de Leo XIII, tiu „Magna carta" de krista ekonomio? Oni ankaŭ de katolika flanko ofte nur predikas kaj postulas la devojn de la laboristoj, de subuloj, kaj oni ne sufiĉe klarigas la limojn kaj devojn de privata posedaĵo. Ni devus havi kristanan socialismon kaj ne havante ĝin, oni devas ĝin krei.

Socia laboro estas la batalo kontraŭ ĉiuspeca lukso kaj precipe la misuzo de alkoholo. Ofte ankaŭ katolikoj kantas la trinkkantojn, kiuj gloras la misuzadon de alkoholo! La batalo kontraŭ la alkoholo estas urĝa tasko ne nur rilate de laboristoj, sed ankaŭ de tiel nomitaj „altrangaj klasoj". Ili, precipe la katolikaj, devas la popolon eduki ne per vortoj, sed per ekzemploj.

Plua grava tasko de la katolika eklezio estas la religia tasko tiamaniere, ke ĝi per religio eduku kaj formu vivantajn kristanojn. Ĉar la kristana religio volas kaj devas esti vivata. Vivata ne nur en la preĝejo per partoprenado je la sanktaj sakramentoj (kompreneble tio estas la fundamento!), sed ankaŭ ekster la preĝejo per agado laŭfundamenta kaj radikale laŭreligia! Kristanoj ne povas agi kiel nekristanoj. Ve ni, se ni pensas, ke ni havas rajton agi laŭ la „aliaj"! Ni nepre ne devas agi kiel „la aliaj", sed kiel kristanoj t. e. anoj de Kristo!

Restas ankoraŭ la porpaca tasko. Estas maldankeme paroli pri tio inter katolikoj kaj oni riskas esti pridirata utopisto kaj minimume troa „idealisto". Pri tio mi nur respondas unu: Idealistoj ni ja estu ĉiuj. Kristanismo ja estas idealismo. Sed ni devas niajn idealojn realigi aŭ almenaŭ alceli plej altan realigon de niaj idealoj. Grandega estas la laboro farota sur tiu ĉi kampo. La katolika eklezio estas potenca kaj kapabla plenumi tiun laboron pro sia mirinde saĝa organizo de parofiejoj superstreĉantaj la tutan mondon. Do la eklezio arangu militon kontraŭ la milito kaj sendube ĝi gajnos!

Grandaj taskoj atendas la eklezion nuntempan. Sed la eklezio konsistas el ni! Do ni plenumu tiajn taskojn, ne nur ĉiutage preĝante: Laŭdata estu Jesu-Kristo, sed ĉiutage laŭ tio agante . . . Super ĉio tamen estu la amo!

W. Mudrak Vieno.

## La katolika organizo en Nederlando.

Kvankam la katolikoj en Nederlando estas malplimulto, apenaŭ du kvinonoj, de la tutŝtata loĝantaro, ili tamen ludas gravegan rolon, precipe depost la fino de milito, kiam ili per prudenta kontraŭagado defendis la ŝtaton kontraŭ minacanta revolucio. Tiun ĉi decidan influon lastfine ili atingis per ilia forta modela organizo. Oni nombras 5 episkopojn kaj 2,445,000 animojn.

En tri punktoj la organiza vivo de nederlandaj katolikoj karakterize kaj feliĉe diferencas de ĉiuj aliaj landoj: Unue ĝi estas plej detale kaj organe dividita. Por ĉiu aparta profesio kaj metio ekzistas speciala katolika organizo. Plue la tuta organiza vivo estas plej intime interligita kun la eklezia hierarhio. La statutoj devas esti aprobata per loka episkopo; por ĉiu loka grupo estas ordonata pastra konsilanto; por ĉiu diecesa aŭ landa unuiĝo la kompetenta episkopo nomas pastran reprezentanton; la programoj de kunvenoj aranĝotaj kaj la decidoj de ĝeneralaj kunvenoj antaŭe devas esti donataj al la aprobo de episkopoj kompetentaj. Sendube en tiu metodo la katolika organiza vivo multe diferencas de kutimoj en aliaj landoj kaj eksterlandano, ne konante la historian evoluon, kelkfoje mirus pri tio. Fine oni devas laŭdinde rimarki, ke la tuta organiza vivo estas vere katolika. Tie ĉi indiferenculoj kiel en aliaj ŝtatoj estas raraj. Katoliko, kiu sin nomas katoliko, estas vere praktikanta katoliko kaj agade partoprenas je la vivo de l'eklezio. Interkonfesiaj organizoj kiel ekzemple la kristanaj sindikatoj en aliaj ŝtatoj, kie katolikoj kaj protestantoj kune agadas por ekonomiaj celoj, ne ekzistas.

Plej praktike ni diferencas du klasojn de organizoj: la pure fakaj aŭ profesiaj, kiuj celas defendi la ekonomiajn profesiajn interesojn de la membroj; plue ĝeneralaj organizoj, havantaj membrojn el diversaj profesioj; ili flegas precipe la moralan kaj religian edukon de la anoj.

La pure profesiaj organizoj konsistas el kvar grandaj federacioj aŭ sindikatoj: por la entreprenistoj, la laboristoj, la mezaj klasoj kaj la kamparanoj.

La federacio de entreprenistoj fondiĝis 1919 kaj jam ĝis 1920 aliĝis 15 grandaj asocioj; aperas oficiala organo „Het Patroonsblad".

La federacia organizo de la katolikaj laboristoj (Vakbonden) estas plej perfekta. Preskaŭ ĉiuj profesiaj asocioj aliĝis al la Centra Oficejo, kiu bonege funkcias en Utrecht, havante pli ol 100 oficistojn. Eble 30 fakaj revuoj katolikaj aperas regule por la katolika laboristaro. La asocioj estas sindikatoj t. e. ili prizorgas la ekonomiajn interesojn de la membroj. La centraj kasoj por senlaboruloj, malsanuloj, por strikoj ktp. mirende pliboniĝas la sorton de la laboristaro.

Por la mezaj klasoj kreiĝis la speciala ligo, enhavanta la korporaciojn de metiistoj, komercistoj, artistoj ktp. En neniu alia ŝtato de l'mondo tiu

## Tarcizio.

Drama legendo el prakrista herotempo

Originale verkis

**F. Prast**

Esperantigis F. Christanell.

**Personoj:**

Sebastiano, Marciano — Oficiroj de la imperiestra gardistaro

Tarcizio, roma paĝio (akolito)

Kurio, Klodio, Paterno, Romulo, Miniaso — idolanaj nobelidoj

Felikso, Meleagero — kristanaj junpaŝtistoj (akolitoj)

Ejo: Libera pejzaĝo antaŭ la romaj pordegoj.

Tempo: Komence de la kvara jarcento.

**Prologo**

Sendinto venas mi de l' heroaro
El prakristana glora periodo,
Kiam heroj ĝoje donis sangon
Kaj senmakule gardis sian ŝildon
En batalado por kristana kredo,
Sekvantaj nun kun palmo reĝan flagon;
De ĉiuj mi salutas vin ĉi tie.
Ĉu vivaĝecon ĉian vi ne trovas
En tiu bele triunfanta aro?
La plej juna knab', la knabineto,
Apenaŭ eĉ kapabla babultadi
Jesuan nomon laŭ patrininstruo;
Kaj tie, jen plejaĝa maljunulo,
Maljuna patrineto, kies kruroj,
Malsanaj kaj lacegaj pro troaĝo,
Sin ne plu volis porti al juĝejo;
Ho, ĉiuj vin alvokas nun:
Vi, geamataj, venu, sekvu nin!
La samon kiel ni vi povas ĉiuj
Kun Dia helpo en kruela temp'.
Teruran sorton kaŝas estonteco.
Vi scias la devizon de la venko:
„Sentima kredo!" Miran forton donos
Por batalado tio vin per Di'.
Ho, emu ĉiuj vivi nur en Li!
Per amfesteno ĉiutaga vin
Flamigu la ĉarmega Dia koro.
Vi aŭdis eble, ke nelonge antaŭ
En sankta Rom', en granda Cirko
En sama loko, kie iam multoj
El nia foro ekmeritis palmon,
Savinto venis al milkapa aro
Da puraj, feliĉegaj infankoroj.
Fidele resti ĉiam ili ĵuris
Al ĉielreĝo, kiel la martiroj
Ĝin pruvis per la propra sango tie.
Kun ni ĝojegis tiam anĝelaro
Kaj ni rememoriĝis la proverbon:
„Kristanoj kreskas el martira sango".
Do ankaŭ vi de tiu semo estu!
Kaj ni deziras, ke la Disinjoro
Invitu vin al gaja rikoltado! —
Ho venu do kun ni flugante reen
Al tiu herotemp' en proa Romo,
Rigardu kiel el Tarcizio,
Sovaĝa juna roma nobelido
Kvieta ekfariĝis krist-heroo.
Malgranda, simpla ludo vin ĝojigu,
Sopiron kaj esperon ekvekanta,
Ke ankaŭ via hejmirado estu
Ne malpli feliĉega ol la la
Al Li, eterna reĝo en ĉielo.

**Unua akto.**

Libera pejzaĝo; dekstre benko aŭ alia sidilo.

Unua sceno.

**Kurio** (alkuras kaj turninte sin krias):
Ni kaptis ĝin! Nun ĝi ne plu forkuros!
(Klodio, Romulo, Miniaso, Paterno sekvantaj lin kure alvenas.)

**Miniaso:** Ĉi? Kie estas ĝi?

**Kurio** (piketante per bastono laŭ murfendo):
Ho, tien ĝi englitis!
Alportu tuj akvon el la fonto.
Tiele ni ĝin baldaŭ ekellogos! (Klodio foriras.)

**Paterno:** Belege, ĝoje — ha — ĝojego!

**Tarcizio** (malrapide irante alvenas): Lasu!
Ĉu la mizera hamstro ĝenas vin?
Neniel ja malhelpis vin la besto,
Kaj krome ĝi sufiĉe da morttimo
Suferis jam. Mi diras do: ĝin lasu!
(Forprenas la bastonon el manoj de Kurio, kaj forĵetas ĝin.)

**Kurio** (furioze):
Pro kio devas ŝirmi vi la beston?
Ĉu eble tuŝas vin ĉi tio?

**Tarcizio:** Mortigi sen kialo ian beston
Ne decas vin. Pri turmentado hontu!
(Ĉiuj ridas escepte Miniaso, kiu Tarcizion mirigite rigardas.)

**Paterno:** Ridindaj vortoj! Kiu malsaĝulo
Rakontis ĝin al vi?

**Romulo:** Ne tian strangan diron
Ĝis nun ne aŭdis mi! Ne ŝercu.
Se vi spritaĵojn scias ne pliboniĝin!

**Klodio** (alvenas kun ujo plena je akvo):
Komencu ni! La akvo, jen la akvo!

**Ĉiuj** (escepte Miniaso, ĉiuj volas preni la ujon.)
Bone!

**Romulo:** Ha, lasu min!

**Paterno:** Al mi ĝin donu!

**Tarcizio** (disĵetas la knabojn kaj per forta puŝo teren faligas la ujon el manoj de Klodio): Ne!
Ne komenciĝas tio, diras mi!
Mi volas ŝirmi la mizeran beston.

**Paterno:** Vi, malgajulo, vi malhelpas ŝercon!
Tre multekosta estu al vi tio! (atakas lin.)

(Daŭrigota.)

daŭrigo de la mezepokaj profesiaj unuiĝoj („Zünfte") estas tiel perfekta ol en Nederlando. Ĝis nun ili sin etendas plejparte sur apartaj diecesoj, sed oni havas la intencon etendigi ilin sur la tuta ŝtato.

La kamparanoj ne estas tiel firme organizitaj. Ili formas lokajn grupojn, kiuj aniĝas al la 5 provincaj federacioj. Tiuj kune formas la „Boerenbond" (kamparana ligo) kun eble 80.000 membroj.

Ĉi tiu profesia organizacio estas kompletigata 1919 per kreo de la Centra Entreprena Konsilantaro Katolika, kiu celadas renovigi la tutan ekonomian kaj socian vivon laŭ la vere katolikaj principoj.

Ĉiu industria branĉo havas entreprenan konsilantaron samnombre konsistantan el reprezentantoj de entreprenistoj kaj laboristoj. Ĉe la centra konsilantaro estas formata neŭtrala komisiitaro, kiu funkcias kiel arbitracia tribunalo por evitigi aŭ arbitracie priĵuĝi konfliktojn inter laboristoj kaj entreprenistoj.

Krom tiuj nur ekonomiaj fakorganizoj ekzistas ĝeneralaj edukaj organizoj por la apartaj klasoj de la popolo: por la entreprenistoj, la laboristoj kaj la mezaj klasoj. Ili ne dividiĝas laŭ profesioj, sed enhavas ĉiujn membrojn de unu similkondiĉa klaso.

La industriistoj estas kunligataj en la R. K. Werkgeversvereeniging (unuiĝo de katolikaj entreprenistoj), kun eble 1000 membroj; plue ekzistas ekzemple ligo de katolikaj kuracistoj, oficiroj ktp.

La laboristoj estas organizitaj en diecesaj asocioj (Werkliedenvereenigingen), kiu estas unuigitaj al tutŝtata federacio kun centra oficejo en Hago.

Por la mezaj klasoj same ekzistas diecesaj asocioj, kiuj estas unuigitaj en centra organizo „Hansa".

Krom tiuj grandaj organizoj ekzistas multaj aliaj diversceloj unuiĝoj katolikaj ekz. la „Socia Agado Katolika" kiu per 140 sekcioj, granda biblioteko, kursoj kaj kongresoj havas gravan influon je la socia vivo en Nederlando.

En la politika vivo nuntempe la katolikoj ludas grandan rolon. Forta katolika partio, kiu dum la lastaj balotadoj feliĉe evitis la dispartiĝon, multe influas la politikon laŭ katolikaj vidpunktoj. Rimarkinda estas ankaŭ la konvertiĝa movado, kiu subtenata per speciala misio havas tre bonajn sukcesojn.

Resume: la katolika vivo en Nederlando havas multajn karakterizajn signojn. Laŭ la organiza vidpunkto ĝi estas unu el la plej perfektaj de la tuta katolikaro kaj tio garantias forton kaj influon.

K. v. S. P.

## La progreso de l' katolikismo en Anglujo.*)

La rilatoj inter katolikoj kaj nekatolikoj dum la lastaj jaroj rimarkinde aliiĝis. La epoko tuj sekvinta je la reformacio, estis periodo de akraj bataloj, en kiuj ambaŭ partioj sin kontraŭstaris kiel kolerigitaj malamikoj. Unu opiniis pri la alia, ke ĝi troviĝas ne nur en eraro, sed ke ĝi obstine kaj propvavole persistas en eraro. Tiel katoliko ne trovis ian bonon en protestantismo kaj protestanto, laŭ la tiama opinio, ne povis esti en bona volo. Aliflanke protestanto ne povis kompreni, ke io ajn estus bona ĉe katolikismo kaj ke katoliko nur agadas malbonvole. La agado konformiĝis al tiu ĝenerala opinio. En Anglujo la reĝino Mary bruligis herezulojn kaj ĝuste per tio multege plifortigis la herezan movadon. Pli poste reĝino Elizabeth katolikojn sendis al turmentadojn kaj al morto — kaj tiel enkuraĝigis la kontraŭstaron de la katolikoj. Kiam la persekutadoj ĉesis, la malamikajoj ne ĉesis. Post la milito de la turmentoj sekvis la polemiko per la vortoj. Ĉiu partio klopodis suspekti aŭ denonci la — realajn aŭ eltrovitajn — erarojn de la alia flanko.

Nu sendube ekzistas gravaj eraroj en protestantismo, kiujn ni katolikoj neniam povas rekoni, same kiel en socialismo, komunismo kaj en sennombraj aliaj religiaj aŭ filosofiaj sistemoj modernaj estas multaj kaj gravaj eraroj. Do en niaj interrilatoj kun konvinkitaj anoj de tiuspecaj eraroj, povas veni momento, kiam disputoj estas neeviteblaj. Oni povus direkti postulojn al ni, kiujn ni nepre devas refuzi; ĉar nia kredo estas sanktajo, pri kiu ni ne devas ludi. Aliflanke, se ni daŭrus rigardi la nekatolikojn kiel niajn malamikojn, estas malmulte da espero, ke ili konvertiĝu, kaj oni devas konverti ilin, ne forpeli, por ke l' eklezio ekzistu!

Ĉu ni pripensu niajn interrilatojn kun nekatolikoj sub la vidpunkto de la sperto, aŭ de la psikologio aŭ de la simpla justeco: malmulte da dubo povas ekzisti, kia la metodo de nia interkomuniko kun ili devas esti. La uzado de akra kritiko, denunco, de malamikeco tute malsukcesis; nenia nacio kaj nenia individuo tiametode povas esti venkata. La milda respondo, ne la malĝentila, forigas eraron. Herezo estas unue eraro de l' intelekto kaj la unua paŝo por ĝin korekti estas gajni konfidon kaj simpation de l' eraranto, kiel inter malsanulo kaj kuracisto. Tial estas ĝuste, ke ni en la nekatoliko, eĉ se li estas kontraŭulo de l' eklezio, rekonu denove kiel homon de bona volo. Ĉar plej parte la eraroj de tiuj personoj ne estas produkto de propraj pensoj, sed heredajo de la prapatroj, de la ĉirkaŭaĵo, de l' edukado. La nekatolikoj serĉadi kion ni serĉas: la realigon de Dia regno sur tero, kvankam ilia vojo al tiu regno estas diferenca kaj ne laŭ la Dia volo.

Kiu povas dubi, ke la admirinda karita agado de multaj nekatolikaj organizoj sur la kontinento estas inspirata de bonaj motivoj kaj devenas el profunda deziro por tio servi Dion? Kiu povas dubi, ke tiuj personoj, kiuj laboras por la suferanta homaro, se ili pli bone konus la eklezion, kun ĝojo almembriĝus al ĝi? Mi volas iri eĉ pli en kaj azerti, ankaŭ ili, kiuj nun estas tre malamikaj al la eklezio, la socialisto, la revoluciulo, la kontraŭekleziulo, eĉ ili serĉas la bonon: sed malfeliĉe ili serĉas tie, kie reale estas la malbono, sed ili serĉas ĝin „sub specie boni" (kiel bonajon). Ne ekzistas iu teorio, kiu ne same enhavus semeron de l' bono. Ne ekzistas ideoj, se ĝi estas eĉ malmorala, kiu ne ŝajnus bona al tiuj, kiuj ĝin alceladas — kaj fakte ĝi enhavas iun ajn elementon de bono.

Sekve de tiuj klarigoj mi proponas kiel unuan kondiĉon de sukcesa propagando katolika: ni devas forlasi komence la diferencajn punktojn kaj serĉi la jam komunajn ideojn. Ni devas klopodi nin alproksimi al ili, eĉ se ili eraras. Ĉar unu veron ili posedas; la serĉon de la vero. Ni ne devas ilin perforte forpeli el iliaj malveraj posicioj, sid ilin konduki de vero al vero, ĝis kiam ili posedas la tutan verecon.

Koncerne la metodon, mi rekomendus tiun de Sokrates kaj de Jesu-Kristo, nia Savinto. Ĉar ĝi estas la unusola, kiu povas sukcese solvi la problemojn de filosofio, etiko kaj religio. Ni regajnos la simpation de nekatolikoj, se ni realigos tiun ĉi idealon. Ekzistas komunaj ideoj inter ni kaj ili; la simpatio al ni estas ebla; ni povas estiĝi amikoj, se ankaŭ ne tuj kunlaborantoj en unu sama afero. La granda sopiro de nia generacio aspiros la konkordon, la unuecon, la pacon kaj tiu sopiro estos satigata en la plej sankta koro de Jesuo. La unuecon ni povas atingi, se ni volas, per Lia helpo kaj Lia metodo, la metodo de simpatia kompreno. Eĉ en la plej grandaj eraroj estas iom da vero kaj ne ekzistas homo tiel malbona, ke li ne samtempe posedus ion da bono. Serĉu ni tion kaj fondu ni nian agadon sur ĝi. La vero, ne nur la eraro, kapablos kreski kaj pligrandiĝi.

Dum la pasinto ni katolikoj — laŭ mia opinio — estis tro malamikemaj, tro malsimpatiaj, tro malkonfidemaj je tiuj, kiuj pensis alie kiel ni. Sed jam komencas nova epoko. Centoj da antaŭjuĝoj malaperos kaj lasas placon al amo kaj estimo. En multegaj teritorioj ni povas esperi belegajn sukcesojn por disvastigado de l' Dia regno. Nia devo estas daŭrigi tiun ĉi laboron kaj venos tago, kiam la Dia regno estos alveninta al ni, kiel ni preĝas en ĉiutaga „Patro nia".

L. J. Walker, S. J. Oxford.

*) Raporto de Rev. Prof. L. J. Walker S. J. Oxford pri la moderna kaj sukcesplena konvertiga movado en Anglujo okaze de la Luksemburga kongreso.



## Junula Angulo.

### Oficiala komunikejo de Moka.

### Kristnasko.

Originale verkis Bému.

Silenta nokto. Milda venteto superflugas la teron kovritan per blanka neĝo. Tuta naturo dormetas . . . Nur kelkaj steloj de profundblua ĉielo rigardas la dormantan teron . . . Paco mira. — — —

Ĉe Betlehemo maljuna viro gardas la ripozantan ŝafaron: la kunuloj dormas. Mistera silentado. . . . Subite hela lumo ekflamas. La gardanto turnas la okulojn al la proksima stalo kaj — o miraklo — super ĝi ŝvebas granda fulmbrila stelo. Humiganta per siaj radioj la stalon. Kaj tra la aero flugas ĉarmaj sonoj, proksimiĝante pli kaj pli: Hosanna! Hosanna! — Li miregas kaj vekas la kunulojn . . . Kaj ili miregas . . . Alvenas subite de ĉielo nova granda lumbrilo, pli hela ol la stelo, plproksimiĝas . . . Antaŭ ili staras anĝelo bela, blanka, ĝojanta; kaj sennombraj aliaj alŝvebas, senĉese kantantaj: Hosanna! Hosanna! . . . Timigitaj la gardantoj falas teren . . . Kaj anĝelo: Ne timu, bonkreduloj, mi alportas grandan novajon; naskiĝis en la hodiaŭa nokto via Savinto en ĉi-tiu stalo, super kiu vi vidas la stelon. Iru kaj adoru Lin! — Kaj forflugas la anĝelaro . . . Nesciante, kion fari la viroj fine decidas tien iri, kie staras la stelo. Tremantaj ili proksimiĝas . . . jam ili aŭdas anĝelajn kantojn . . . ili miras . . . kaj eniras . . . Ĉi-tie prezentiĝas belega mira bildo: el kribeto venas forta, ĉiela lumo, kie oni vidas Infaneton dolĉe ridantan en ĉiela lumo. Ekvidinte la venintajn ĝi ekridetas, etendas la manetojn kaj benas: Paco al la homoj! . . . Ĉe Li genuas la feliĉega Dipatrino, ĉarme rigardanta . . . kaj staras Jozefo admirante Patrinon, la Dian Infaneton . . . Sur tiu bildo ŝvebas anĝeloj kaj kantas senfine: Paco al la homoj de bona volo! — La Infaneto ekvidetas, etendas la manetojn kaj benas . . .

## La internacia junula movado.

### La socialisto movado.

(Daŭrigo.)

La gvidanto de la internacia junula sekretariejo Münzenberg estas arestita en Septembro 1917 kaj per tio interrompita la agado de la socialistoj. Intertempe Svislando prenis ŝur sin la gvidadon. Pli poste t. e. post eksplodo de la revolucio en Germanujo, la sekretariejo estas translokigita Berlinon. Interese estas, ke Münzenberg estis unu el ĉefaj gvidantoj de la komunista partio en Sudgermanujo. Intertempe oni kunvokis kunsidon de la internacia oficejo, kio tamen ne povis okazi. Nur en Aŭgusto 1919 oni kunvenis en Vieno, kie partoprenis reprezentantoj el 7 nacioj; oni decidis, ke la proksima kongreso internacia socialista okazu en Vieno, al kiu oni intencis inviti ĉiujn organizojn celantajn la klasan batalon, por krei universalan socialistan junulan internacion. Kelke da komunistaj junulaj organizoj tamen rifuzis tion . . .

La 20-26an de Novembro 1919 kongreso en Berlino. Estis invitataj nur komunistaj junulaj organizoj kaj nur en landoj, kie komunista junula asocio ankoraŭ ne ekzistis, oni invitis la ekzistantan socialistan asocion. 14 komunistaj organizoj partoprenis; la komunisto Münzenberg estas elektita prezidanto. En sia malferma parolado li diris: Nun estas tempo efektivigi oficiale la aliĝon al la tria Internacio de Moskovo, post kiam ni faris tion jam praktike en nia laboro. Per tio la komunista junula internacio naskiĝis.

### II. La komunista junula internacio.

La Berlina kongreso povas esti konsiderata samtempe kiel unua kongreso de la komunista junula internacio. Ĉefe oni okupis sin per la mondo situacio, per fikzado de nova programo kaj de nova organiza statuto. Kion volas la komunista junula internacio, estas klare videbla en ĝia programo, de kiu ni publikigas la plej gravajn partojn.

„La plej gravaj kaj urĝaj taskoj de la komunista junula internacio estas nuntempe senlaca politika agado inter la amasoj de la laboristoj, la organizo kaj realigo de politikaj agadoj, la senpera batalado por la komunismo, la partoprenado je la subigo de la kapitalista regado kaj la edukado de la junuloj kiel kunagantoj por krei la komunistan societon".

La komunistaj junulaj organizoj gvidas energian batalon kontraŭ ĉiuj burĝaj partioj, same kontraŭ ĉiuj junulaj organizoj, kiuj ne akceptas la komunistan programon. En ĝia politika batalo la junulaj organizoj akceptas la programon de tiu partio, kiu aliĝas al la Moskova internacio.

**Sciigoj.**

Pro mia translokiĝo al München la intensa laboro por Moka iomete estas interrompita. Tamen mi faris ĉion eblan por nia movado. La propaganda vojaĝo en la Svisujo estas de mi daŭrigata kaj multaj novaj anoj interisigitaj por Moka. La svisa Katolika popolligo promesis doni regulan ĉiujaran subtenon de 50 svisaj frankoj. Samon intencas fari kelkaj katolikaj junulaj societoj. — La intertraktadoj kun la estraro de la katolika junula internacio (sidejo Romo) bone progresas. Ni esperas, baldaŭ povi publikigi la definitivan kontrakton. Antaŭ mallonga tempo estas dissendita cirkulero al la germanlingvaj delegitoj kun prospekto pri nova entrepreno (internaciaj katolikaj studentaj kaj komercaj hejmoj) en kies estraro mi agadas kiel afergvidanto. Depost la. Decembro la centrejo de Moka troviĝos en München (Isabellastr. 40, III). Mi petas noti la novan adreson kaj direkti tien ĉiujn skribajojn klp.

Petante ĉiujn ĝis nunajn kunlaborantojn ankaŭ estonte fervore kunhelpi al la realigo de nia bela celo mi uzas la okazon por deziri al ĉiuj amikoj feliĉegan novan jaron.

(Daŭrigota.) Hanns Sappl, ĉefsekr. de Moka.

# La tria Internacia Katolika Kongreso en Konstanz.

**La 29an de julio gis 2an de aŭgusto 1923**

**Ia komuniko.**

Kun bonvola konsento de Lia arĥiepiskopa Moŝto Dro C. Fritz de Freiburg en Brisgovio (Germanlando), la tria kongreso de Ika por internacia agado katolika okazos en Konstanz, belega malnova urbo internacia ĉe Bodensee. Troviĝanta kvazaŭ en koro de Eŭropo, je la limoj de 4 ŝtatoj: Svislando, Francio, Germanio, Aŭstrio, tiu famkonata urbo, antaŭ reformacio sidejo de episkopo kaj urbo de la granda kaj gravega Konstanz'a Koncilio, estas tre taŭga por nia kongreso; des pli multe, ĉar ĝi ankoraŭ estas sur germana teritorio kaj pro tio la malalta valoro de germana marko al ĉiuj amikoj, eĉ plej malaltvalutaj ŝtatoj faciligas la partoprenon je la kongreso.

La tria kongreso de Ika devas estiĝi nova glora pruvo de belege ekfloranta internacia movado. Dum du jaroj ni nun senhalte antaŭenmarŝis tra malfacilaĵoj kaj malhelpajoj grandaj, multnombraj, diversspecaj. Paŝo post paŝo foriĝas la antaŭjuĝoj, la konfido plifortiĝas, la kunhelpantaro kreskas. Certe niaj kongresoj estos plej praktikaj kaj plej taŭgaj iloj por atingi la finan celon.

Kore ni do invitas ĉiujn katolikojn, ĉiujn katolikajn organizojn kaj instituciojn, precipe ĉiujn katolikajn samideanojn, multnombre partopreni je nia kongreso. —

Plena sukceso tamen nur venas per agada kunhelpo de ĉiuj samideanoj. Du ĉeftaskojn ni mememorigas:

Ie. La propanda servo: Ĉiu katolika gazeto pli ofte devas esti informata pri kongreso, pri programo, ĉefaj konferencoj, temoj pritraktotaj. Skribu tuj malgrandan noton en via gazeto dirante:

Internacia katolika kongreso okazos 29an de julio gis 2a de aŭgusto, en Konstanz, internacia urbo ĉe Bodensee. Oni pritraktos la vere aktualan problemon de praktika internacia kunagado. Gravaj konferencoj specialaj okazos ekz. por gazetaro, junula movado, enlanda misio. La prepara komitato kore invitas ĉiujn katolikajn kaj katolikajn organizojn, partopreni je tiu grava kongreso kaj proponi specialajn konferencojn kaj temojn pritraktotajn. Pli detalajn informojn donas ... aŭ simile!

Plue ĉiu pligrava katolika organizo, institucio, influhavaj personoj ktp. estu invitatataj per delegitoj kaj kunhelpantoj. Nacilingvaj invitoj aperos duin januaro en angla, franca, germana, itala lingvoj kaj senkoste estos dissendotaj al propagandistoj.

2e. Financa subteno. Estas superflue rimarki, ke la preparo de l'kongreso kaŭzas multegajn elspezojn. Ĉiu samideano do ne nur estas petata, aliĝi meni, sed ankaŭ sendi financan subtenon aŭ elpeti donacojn de bonhavaj katolikoj. Subskribu la garantian fundon kreotan!

**Membroj:** Ĉiu katoliko, kiu aliĝas kaj pagas la kotizon, estas kongresano. Membroj pagintaj kotizon aŭ pligrandan donacon, kiuj tamen persone ne povas partopreni, ricevas laŭdezire raporton presigotan.

**Kotizoj.** Por ebligi al ĉiuj, eĉ malriĉaj amikoj, la partoprenon, la kotizo minimuma estas nur 5 oraj kronoj aŭ = 5 sv. fr. De tiu unueca sumo kongresanoj el mezvalutaj ŝtatoj havos 50% da rabato, el malaltvalutaj ŝtatoj 66%, el plej malaltvalutaj ŝtatoj 80%. Plue junuloj, sudentoj ktp., kiuj ne povas pagi tiun sumon, povas havi specialan rabaton.

**Programo.** Pri programo ni raportos detale en sekvonta numero. Ni kore petas ĉiujn samideanojn fari proponojn pri temoj traktotaj, specialaj konferencoj ktp.

Aliĝojn, monsumojn ktp. oni sendu sub „kongreso" al Ika, Graz, Karmeliterplatz 5. La adreso de loka komitato en Konstunz estos publikigata en sekvonta numero.

Samideanoj, aliĝu jam nun! Kunagadu! Dio helpos!

# La vojo.

Ni ĉiuj, katolikaj esperantistoj, delonge revis enkonduki Esperanton en la katolikajn rondojn. Miaj antaŭaj pioniroj P. Richardson, Ch. Colas kaj aliaj klopodis efektivigi tiun sanktan revon. Ili estis mortintaj — ho ve! — lasinte al ni la taskon plenumotan. Antaŭ ni staras la multgranda tasko; ĝi estas grava, ankaŭ urĝa. Revi ne sufiĉas! Ni devas labori al la plenumo de la tasko kaj tuj ni devas labori, ĉar dum ni dolĉe revas kaj akre diskutas, la kontraŭuloj de nia „kredo" uzas Esperanton. Kuraĝe rigardu ni la celon trafotan: „Esperanto, lingvo uzata de la katolikaro, ilo al la servo de la Sankta Eklezio de l' kristo". Kaj rekte antaŭen!

Bone, ni vidas la celon. Sed kia estas la vojo. Laŭ mia opinio, la vojo kiu certe nin kondukos al la sukceso, — kaj al la plej rapida — ne estas tiu ĉefe uzita ĝis nun. Ne sufiĉas por interesi la katolikaron pri Esperanto, verki propagandilojn, gazetartikolojn, deklami konferencon, refuti kontraŭdirojn. Mi ne skribas, ke ĉi-tiuj agoj estas senutilaj. Tute ne! Kontraŭe, ni bezonas bonajn propagandilojn, taŭgajn gazetartikolojn, konferencojn, konvinkantajn refutojn. Sed mi diras: tio ne sufiĉas. Ni interesos niajn samkredanojn por Esperanto nur kiam ni povus vidigi al ili, ke nia lingvo utilas por la rilatoj inter diversnaciaj katolikoj, ke dank' al nia helpa lingvo la katolika internacia movado ricevas gravajn helpojn. Ni interesos la katolikaron, kiam ni alportos al ĝi ne nur entuziasmajn vortojn pri espero nia, sed efektivajn verkojn nuntempe fruktodonajn. Ni humile komencos sendube, sed komencu! Rigardu U. E. A. kaj ĝin imitu! Ĉiuj samideanoj niaj konsentas pri la propaganda valoro de U. E. A.: dank' al ĝiaj servoj praktikaj. Ni ankaŭ kiam ni posedos katolikan entreprenon, kiu donos utilajn servojn al siaj membroj, ni povos tiam sukcese paroli pri la utilo de Esperanto en la katolikaj rondoj.

Unue, ni devas posedi jurnalon gravan, kiu enpresos nebagatelajojn, sed interesajn kaj lastliorajn informojn katolikajn, gravajn artikolojn de eminentuloj. Ni jam havas inter ni eminentulojn. Ke ili bonvolu verki por nia ĵurnalo!

Due, ni devas organizi katolikajn kongresojn Esperanton uzantajn, ne kunvenojn de esperantistoj katolikaj, kie oni priparolos senvalorajojn aŭ propagandajn metodojn, sed gravajn kongresojn imponajn kaj influantajn la internacian vivon katolikan.

Ni ankaŭ bezonas katolikan Esperanto-literaturon. Samideanoj prave ploras pro la malriĉeco de nia generala literaturo. Kaj ni? Ni povas ploregi pro la nenio de nia kristana-katolika literaturo. Kiam ni esperantigas amikon, li nur povas legi literaturaĵojn pseŭdoneŭtralajn, kie niaj kristanaj normoj estas almenaŭ forlasitaj, se ne ofendmokataj kaj kontraŭdiratajn.

Jen estas jam gravaj kaj grandaj taskoj. Ĉu ne? Tamen ne estos la celo. Sed estonte Dio inspiros, kion ni estos organizontaj.

Ne pensu, samideanoj, ke ĉi-tiuj ideoj pri grava praktika esperanto-organizo katolika estas novaj pensoj de freŝe venintoj! Ĉi tiuj ideoj estas tiel malnovaj, kiel nia esp.-katolika movado. Ĉi tiuj ideoj estas tiuj de niaj Richardson kaj Colas. Mi rememorigas nur la unuan Kongreson en Parizo (1910), kiu estis vere katolika kongreso en Esperanto, kie, inter alie, oni pritraktis la Reuniĝon de ĉiuj Eklezioj. Ĉi tiun kongreson oficiale proktektis la kardinalo de Parizo, prezidis Msro Baudrillart, Rektoro, ĉeestis Msro Foucault, episkopo de Saint-Die, okazis en la ĉambrego de la katolika Universitato. Tio estis bela sukceso, sed . . . ho ve! sen sekvantaĵo! Sen praktika konsekvenco.

Tiun vojon de praktika Esperanto, kondukantan al rapida kaj certa sukceso uzas Ika. Ĝi eldonas jurnalon, kiu povas fariĝi grava katolika gazeto, se ni volas. Ĝi estas preta eldoni gravajn verkojn, farigi gravajn kunvenojn katolikajn per Esperanto, se ni volas. Niaj manoj ektuŝas la celon, se ni volas.

Samideanoj, je la nomo de Dio, ni volu, kaj antaŭen marŝu sur la vojo al la celo nia: praktikigo de Esperanto en la katolika internacia vivo.

Max Roub, Belgujo.



# Petro-Filmo.

**Internacia katolika filmentrepreno.**

Kiel en la apostolaj tempoj la kristanoj sin frate subtenis ankaŭ en ekonomia vivo per grandaj kaj malgrandaj helpservoj, tiel ni hodiaŭaj „katolikoj devas internacie kunhelpi en aferoj gravaj por la Dia regno.

Nun estas la ĝusta momento. La homaro, en kruelaj suferoj spertiĝinte la terurajn sekvojn de la materialista epoko, nun komencas kun abomeno sin deturni de ĝi kaj serĉi Dion. La graco de Dio laboras; sed la graco uzas homojn kiel ilojn. Ni homoj nepre devas fari ĉion eblan por realigi la intencojn de la Dia Providenco. Plej moderna kaj praktika ilo estas la filmo. Kiu al milionoj da homoj donas bonan filmon, ekscitas en iliaj koroj bonajn pensojn, kiuj per Dia graco efikas bonajn faradojn.

Inspirite de tiu ĉi motivo fondiĝis Petro-Filmo, internacia akcia societo en Basel, Svislando (vidu anoncon!), kiu per afabla apogo de katolika banko kaj la enkuraĝigo de influaj kaj eminentaj personoj jam faris admirindajn progresojn. La akcia kapitalo estas ĝis nun 100.000 sv. fr., plene pagitaj per akcioj rentumdonaj ĝis 5%; la lasta ĝenerala kunveno decidis nun plialtigi la kapitalon ĝis 500.000 sv. fr. Apud Basel granda posedaĵo (600 kvm) kun du ekipitaj arangejoj por filmfarado jam estas aĉetata. La du laborejoj, kuŝantaj unu super la alia, estas tiel ampleksaj, ke oni povas aranĝi plej grandajn, eĉ plej gigantajn scenojn. La suba aranĝejo povas esti plenumata je akvo por akvaj scenoj, dum samtempe la supera montras la plej grandajn internpion bildojn. La elektra lamparo (50 milionoj da kandelfortoj) estas tiel perfekta ke ĉe ĉiu vetero, eĉ dumnokte artefarita suplumo povas esti efektigata. Unuvorte, la loka situacio, la aranĝebleco, la laborejoj kaj fabrikejoj estas tiel perfektaj kaj modernaj ke nia internicia katolika entrepreno povas konkuri kun ĉiuj alilandaj filmfabrikoj.

Sur sama placo troviĝas lernejo por aranĝado kaj tekniko de filmoj. Personoj, kiu deziras estiĝi filmaktistoj, havas okazon, ne nur viziti la kursojn sed ankaŭ praktike partopreni je la aranĝo kaj farado de la filmoj. Al lernantoj, kiuj perfekte estas instruitaj, ni peradas postenojn per internacia perada oficejo, se ni ne havas eblecon, doni laboron en nia propra entrepreno.

Nia celo estas ne nur forigi la malbonajn filmojn sed precipe krei morale bonajn kaj teknike kiel plej perfektajn filmojn. Samtempe ni produktos filmojn por instruado, propagando kaj industrio. Ĉar la filmo en moderna tempo estas plej taŭga instruilo kaj propagandilo por ĉiuspecaj industrioj, por regionaj belecoj ktp. Ŝajnas superflue klarigi detale la gravecon de nia entrepreno moderna. Precipe estas rimarkinda, ke nia lernejo, gvidita laŭ katolikaj principoj, tute forigas la moralajn danĝerojn kaj tojn por plifaciligi la disvastigon de bonaj filmverkoj.

Sed ni ne nur volas krei bonajn filmojn el kapitalista profitemo; kontraŭe laŭ niaj statutoj ni decidis, ke 50% de la efektiva gajno estos pojare disdonataj al subtenindaj katolikaj institucioj ĉiuspecaj.

Al katolikaj unuĝoj, institucioj, parohejoj ktp. ni pruntedonas niajn filmojn kaj eĉ niajn aparatojn por plifaciligi la disvastigon de bonaj filmverkoj.

Sendube nia entrepreno ne nur estas necesega, sed plej moderna perfekta institucio katolika internacia. Estus dezirinde, ke ĝi estiĝu vere internacia entrepreno grandioza. Tial ni invitas la katolikojn ĉiulandajn, ke ili aĉetu akciojn rentumajn de la entrepreno. Se iulande jam ekzistas simila katolika filmfabrikejo estus dezirinde, ke ĝi serĉu interrilatojn kun ni, por eble fondi internacian ringon de katolikaj filminstitucioj.

La kondiĉoj por la akciuloj estas plej favoraj. Akciuloj havos dividendon ĝis 5% de la pagita kapitalo kaj rajtas plue partopreni je 25% de la efektiva

# El la movado.

Ika-movado feliĉe progresas en la tuta mondo dank' al la bonvola helpo de Dio kaj la senlaca agado de niaj amikoj. Bedaŭrinde ne ankoraŭ estas eble, jam nun regule raporti pri la evoluo pro manko de spaco kaj tempo. Tamen ni petas ĉiujn samideanojn pomonate sendi malgrandajn raportojn.

**Francio.** Nacia komitato de Ika kreiĝis en Parizo por efika propagando; almembriĝis i. a. Grafo Em. de Rougé, kameristo de Papo, Fino Dobançourt, nuntempe eksterlande laboranta por Ika. Sro. Muffang, la senlaca direktoro nacia ktp. Per admirinda penado de Prof. Bauregard kaj de grafo de Rougé multege da katolikaj gazetoj kaj revuoj raportis ĝis nun pri Ika kaj lasta kongreso etz. Echo de Paris, Documentation catholique, Croix, Libre Parole, Figaro, Revue contemporaine, Revue des deux mondes, Revue internationale ktp. Grafo de Rougé raportis pri Ika al Lia Kardinala Moŝto de Parizo, kiu tre bonvole akceptis lin kaj enkuraĝigis la movadon. Poste li faris plurajn propagandirojn i. a. en Aŭstrio, Germanlando, Belgio kaj vizitis ĉe tiu okazo nian centrejon.

**Germanio.** Fine de novembro en Essen dum nacia konferenco de Ika fondiĝis nacia komitato de Ika. Oni destinis por ĉiu aparta lando aŭ pligranda provinco reprezentanton (regionan delegiton), kiuj devas organizi la movadon en sia distrikto. Plue oni invitis reprezentantojn de grandaj naciaj organizoj, ke ili aliĝu al la komitato, kiun inviton jam multaj sekvis, dz. Sro redaktoro Homm, Dortmund por la gazetaro, dro v. d. Broom, (kat. popolligo), Dr. Weber, Münster por karita organizo, Fino Winjweth, Köln por virina movado ktp. Kiel agada komitato estas elektita Sro Klein, Essen, nacia direktoro, Dro Stricker, Münster, kaj Sro Sappl, München, kiel sekretario. Samtempe ni klopodas realigi nacian sekretariejon por tuta lando en München.

Multaj Ika-grupoj fondiĝas aŭ reviviĝas, pri kiuj ni raportas detale pli poste. Hodiaŭ nur du ekzemploj.

Koblenzo: Propagando poresperanta inter la katolika junularo, efektigata per helpo de la loka grupo rezultigis kurson en la junula unuiĝo. La 21 partoprenantoj, regule vizitantaj la kurson gvidatan de Sro Funken, baldaŭ komencos korespondadon. Provizora adreso: L. Fünken, Florinsmarkt 7, Koblenz.

Beuthen (Supra Silezio) „Frateco" societo de kat. pacamikoj estas depost la 1. 1. 22 loka grupo de Ika. Prezidanto: studokonsilisto W. Knopf, Kaiserpl. 5. La societo havas 31 anojn, inter ili francan studenton el Grenoblo. Kunvenoj ĉiu 3a mardo de monato. La societo abonis K. M. por ĉiuj siaj membroj! Adreso por ĉiuj postaĵoj kaj monsendoj (poŝtkonto Breslaŭ 33.268 W. Knopf) ĉe la prezidanto.

Okaze de Essen'a Konferenco W. Knopf estas elektata kiel regiona delegito por Silezio.

**Italio.** Dum la lastpasintaj monatoj katolikaj idistoj aranĝis akran batalon kontraŭ Eo. Nia kara direktoro Pro Carolfi plej sukcese defendis nian aferon; depost la Venezia kongreso ĝis nun li verkis 17 artikolojn kaj aranĝis 10 paroladojn en diversaj urboj i. a. ankaŭ en Milano ĉe Opera di Cardinal Ferrari. Novaj grupoj kreiĝis kaj la nombro de delegitoj plimultiĝas.

(Daŭrigota.)

Ni petas la grupojn kaj delegitojn regule sendi raportojn pri la movado. Ni intencos daŭrigi tiun rubrikon kaj eble pligrandigi.

gajno. Ĉiujn informojn donas „Petro-filmo" a. s. Basel, Svislando.

Rimarko. La salutinda entrepreno meritas la subtenon de ĉiulandaj katolikoj. Oni nepre publikigu tiun artikolon en nacia gazetaro kaj sendu ekzempleron al Ika.

## El ĉiuj landoj.

**Usono.** La religia batalo kontraŭ la katolikismo ŝajnas denove ekbruli en la tuta mondo. Eĉ en nia „lando de libereco" la kontraŭkatolikaj fortoj sin kuncentrigas kaj ŝajne ili nun atakas en „granda stilo". En New York sin kune organizis la metodistoj, presbiterianoj kaj babtistoj al evangelio — protestanta asocio por laŭplane direktadi la atakon en la tutusona teritorio.

La senfadena prediko. La granda disvastigo de la senfadena telefono devigas tute novan metodon de prediko, kiu en Chicago kaj aliaj urboj estas uzata kun granda sukceso. Oni aranĝas sur la tegmento de la altegaj domoj la tiel nomitajn „radio-diservojn". Pastro predikas kaj per granda radio-sendaparato, per kiu oni povas kompreni la predikon proksimen ĝis multaj cent da mejloj. Tiel ankaŭ nekatolikoj en sia propra domo povas aŭdi katolikan instruon kaj unu pastro samtempe povas prediki al 100—200.000 da personoj. Oni taksas la nombron de la radio-akceptaparatoj en Usono je 250.000. Laŭ fidindaj komunikoj el Romo la ekzistantaj malfacilaĵoj pri „National Catholic Welfare Council" un estas forigitaj. La granda kaj eminentega institucio — iomete ŝanĝinta la organizan formon — daŭrigos la ekzistadon. Okazio en lasta monato tutlanda kunveno de l'episkoparo, kie partoprenis 70 episkopoj.

**Belgujo.** La atako de la malkristanoj kontraŭ la katolika lernejo malsukcesis. L nombro de la organigitaj katolikaj geinstruistoj en flama kaj valona parto estas proksimume 10.000, dissemitaj je 2700 komunumoj. La nunjara kunveno havis grandan sukceson.

**Italio.** La tutŝtata agado katolika estos reorganizata. L. K M. Gasparri dissendis cirkuleron al ĉiuj episkopoj kun proponoj, laŭ kiuj ĉiuj katolikaj organizoj estos unuigitaj al unu centra organizo kun komuna centra komitato. La ĝisnuna „popolunuiĝo" sanĝiĝas al federacio de ĉiuj katolikoj, kiuj apartenas al iu ajn katolika organizo (junula, virina, studenta unuiĝo ktp.!). La federacio havos korporaciajn kaj individuajn membrojn. La centra komitato senpere estas subordonata al Lia Papa Moŝto. Diecesaj komitatoj sub ordono de la episkopoj estu formataj. Oni intencas krei viran kaj virinan ĉefbranĉon.

En Romo komencas agadi internacia informoficejo, kiu intencas eldoni internacian adresaron de katolikaj unuiĝoj en diversaj lingvoj.

**Anglio.** La „Catholic Truth Society" centra sidejo en Londono, komence precipe alcelis la disvastigon de katolikaj libroj, revuoj, broŝuroj ktp. por disvastigadi la veron (tratnvero) katolikan inter katolikoj kaj nekatolikoj. Speciala branĉo de tiu admiranda asocio depost pluraj jaroj sin organizis por prediki publike sur stratoj kaj placoj, en salonoj ktp. al la nekatolikoj la katolikan veron (Catholic Evidence Gvild). Per tio la C. T. S. estiĝis centro de a niescio kaj konvertiga movado, kie laikoj kaj pastroj kunlaboras unuece. La organiza sekretario raportis dum la lasta jarkongreso ke per 200 predikoj la nombro de agadaj membroj dum 1921 de 1600 ĝis 7000 kaj estos eble 10.000 je la fino de la jaro. Precipe vigle agadas la sekcio en Manchester. — Kaj la sukceso? Dum unu jara revenis 12.000 al la katolika eklezio.

## Paŭlus-Eldonejo.

En la lasta eksterordinara ĝenerala kunveno (novembro 1922) de la asocio „Paŭlus-ligo" gravaj decidoj estis traktataj.

Ĝis nun la „Paŭlus-ligo" estis unuiĝo de katolikoj alcelantaj la disvastigon de katolika literaturo ĉu per persona agado ĉu per financa subteno (enpago de obligacioj po 1000 kaj 10.000 aŭ. Kr.). Paŭlus-ligo estis samtempe posedanto de Paŭlus-eldonejo: do samtempe ideala kaj negocia entrepreno, kio kaŭzis kelkajn malfacilaĵojn. Ili nun estas frateme solvataj per jena decido:

Paŭlus-ligo fordonas la negociajn aferojn tute al Paŭlus-eldonejo kaj restu estonte sendependa ideala apostolato por disvastigo de katolika literaturo kun agadaj kaj subtenantaj membroj: La negociajn aferojn realigos estonte kiel estinte Paŭlus-eldonejo kun la tuta ĝis nuna financa havaĵo de Paŭlus-ligo. Do Paŭlus-eldonejo restas kun la tuta havaĵo ĝisnuna kiel negocia entrepreno la internacia katolika eldonejo.

**Aliĝo.** Estonte la almembriĝo fariĝas per unufoja enpago de aliĝokotizo de 1 aŭstra ora krono t. e. proks. 1 sv. fr. (= 14.000 paperaj kronoj aŭ.). Tiu kotizo estas kvazaŭ nerentuma kaj nemaldungebla akcio; tiu akcio donas rajton je 1 voĉo por la ĝenerala kunveno. Laŭdezire oni povas aĉeti plurajn tiuspecajn akciojn po unu ora krono; ili estas maldungeblaj, tiel ke 10% de la tuta akcia kapitalo pojare estas maldungebla. Akciuloj posedantaj pli ol 1 nerentuman akcion havos por po 50 komencitaj akcioj unu pluan voĉon.

Atentu! Por aĉeti rentumdonajn obligaciojn (vidu sube!) sendiference multajn sufiĉas, se oni pagas kiel unufojan kotizon nur unu nerentuman akcion de unu ora krono.

**La ĝisnunaj membroj:** Por favorigi la ĝisnunajn membrojn pagintajn nur 50 paperkronojn kiel aliĝokotizon, oni decidis ke ĉiuj ĝisnunaj membroj sen iu postpago havu unu akcion po unu ora krono kun unu voĉo: do samrajtaj kiel nove aliĝontaj membroj pagantaj unu oran kronon (= 14.000 paperaj kronoj!).

Por plifaciligi la almembriĝon el malaltvalutaj ŝtatoj, ni decidis por la aliĝa akcio senrentuma doni jenajn rabatojn. Mezvalutaj ŝtatoj (Francio, Belgio, Ĉeĥoslovakio, Italio ktp.) 50%; por malaltvalutaj ŝtatoj (Jugoslavio, Rumanio, Hungario ktp.) 66%; por plej malaltvalutaj ŝtatoj (Aŭstrio, Germanio, Polio ktp.) 80%.

**Obligacioj:** unua serio. Kiel estinte Paŭlus-eldonejo eldonas obligaciojn rentumajn de po 10.000 aŭ. Kr. sub samaj kondiĉoj: garantiita rentumo de 5% pojare; plue la obligaciuloj rajtas partopreni je 50% de la efektiva gajno de Paŭlus-eldonejo, tiel ke en favoraj negociaj kondiĉoj la rentumo estas plialtigebla ĝis 15%.

**Obligacioj: dua serio.** Ĉar nun la aŭstra mono estas konstanta, la estraro decidis eldoni duan serion de obligacioj po **10 oraj kronoj = 2 dolaroj**; ili donas garantiitan rentumon de 5% pageblaj en aŭstraj kronoj laŭ la bankkurso de dolaro je la 31. decembro de la koncerna jaro. Ili ne estas maldungeblaj ĝis la januaro 1928; tiam pojare 10% de la tuta kapitalo povas esti repagita laŭ deziro de obligaciuloj.

La ĝisnunaj membroj de Paŭlus-eldonejo povas aĉeti obligaciojn de la dua serio, same kiel tiujn de unua serio, sen iu plua kotizo. Ĉar nur malgranda nombro de obligacioj de IIa serio estas eldonataj, oni tuj mendu orajn obligaciojn. Ili samtempe estas tutcerta kaj rentumdona uzo de la mono (precipe por altvalutuloj) kaj subteno de nia Paŭlus-eldonejo, kiu nur povas plenumi sian taskon, ĝi havas la sufiĉan kapitalon. Vidu la anoncon en ĉi-tiu numero.

## Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

— — — — — — — — — — — — —

Sro W. Gavenda, ul Mirows Ka 6, Cestochawa, Pollando dez. kor. kaj interŝ. P. K. kun gesamideanoj kaj skoltoj ĉiulandaj.

Sro Johano Mirabitllas, strato Sonto Domingo 4—1 Mauresa, Barcelona, Hispanujo dez. interŝ. poŝtkartojn kun la tuta mondo.

Por scienca laboro mi bezonas skarabojn el tropikaj landoj, ne preparitajn, sekajn en papertubetoj aŭ en alkoholo; sed nur tropikaj specoj de ĉiu grandeco, kiujn mi, ne estante komercisto, plibone pagas. Pro tio mi petas misiistojn, instruistojn, oficistojn ktp. afable skribi pri tio. Mi respondos al ĉiu kaj donos informojn por preparado kaj garantias donan enspezon kaj daŭran aĉetadon. Pro Václav Skrlant, kaplano v. Žižkově, Ĉeĥoslovakio.

Helpkrio. Studento malsaniĝis kaj deziras kiel pruntaĵon aŭ hipotekon 20 dolarojn (je domo sufiĉa kaŭcio) per samkredano kaj bonvalutulo por ebligi resanigon. Oni skribu sub „Helpkrio" al la Redakcio de K. M.

Kie en montaro aŭ arboriĉa distrikto, studento trovus akcepton por refortiĝo, kompence moderan pagon, spiritan aŭ facile korpan laboron? Perado dezirata. Bonvolu skribi sub „Helpkrio" al la Redakcio de K. M.

Juna katolika germana instruistino kun bonegaj atestoj kaj Franca, Angla kaj Hispana lingvokonadoj, muzikema (piano kaj violino) serĉas en eksterlando taŭgan okupadon kiel privatinstruistino en familio aŭ lernejo. Ofertoj al Fraŭlino Pieper, Münster, (Westf.) Bült 29. Charitasbüro, Germ.

Bondezirojn por Novjaro al ĉiuj ĉeĥaj amikoj kaj kunlaborantoj: A. Barta, Graz.

Sro L. Sonnenfeld, parofiestro en Wenigzell, Stirio, Aŭstrujo dez. interŝ. P. M. el ĉiuj eŭropaj ŝtatoj.

Pasquale Pachi Piano, Primo, Firenze, Italio P. J. bfl.

Katolikaj filatelistoj aĉetu ĉiajn poŝtmarkojn ĉe la misia poŝtmarka vendejo de Blanka Kruco, Graz, Karmeliterplatz 5.



Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Posedanto kaj Eldonisto: „Ika", Graz, Karmeliterplatz 5. — Responda Redaktoro: Dr. M. J. Metzger, Graz, Karmeliterplatz 5.
Preseĵo: Heinrich Stiasny, Graz.